# LA SKOLTA MONDO

OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTISTA LIGO






7th Essex International
JAMBOREE





VOLUMO 4 N·RO 15
3·A JARKVARONO 1972

# S ☆ E ☆ L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
D.H. Davis. L.J. Van Gulck

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Nordstrandhøgda, Norvegujo

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.
Poŝtĝirkonto 63 22 46.

Kasisto kaj Administranto de
"La Skolta Mondo":
David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo,
Liverpool L 22 3YE, Britujo
Telefono WAT 2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.
Okaze de nericevo, bonvolu sciigi vian Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.


# ANKAŬ

al tiu ĉi numero mi volas aldoni miajn personajn notojn - ili estu klarigoj aŭ pardonpetoj.

Unue: La unua paĝo.

Sur la kovrilo ĉifoje estas tri fotoj el Essex Ĵamboreo.
La unua montras s-inon Markarian dum deĵoro,
la dua s-ron Dobbs (pri li poste) kaj s-ron Markarian dum diskuto pri libro,
la tria s-inon Markarian kun s-ro Dobbs.

Ni havas en tiu ĉi numero raporton pri Essex ĵamboreo.

Ni esperas en venonta n-ro doni lokon al raportoj pri la du aliaj grandaj eventoj pri kiuj ni scias - Eŭroscout en Rotterdam (29a. de julio - 6a de aŭgusto) kaj nacia ĵambrreo de Norvega Skolta Asocio en Røros (de 3a de aŭgusto) en kiuj SEL kaj Esperanto ludis rolon.

Kiel lastfoje mi uzas norvegan poŝtmarkon kiel bildo. Mi devus trovi alilandan, sed la motivo de polusŝipo Fram (=Antaŭen) de polusŝipa serio estis tro tenta. Tio povus esti simbolo de nia laboro.

Sur la mezaj paĝoj troviĝas la unua kontribuo de VERDA PEGO - pri Skolta Scienco.

Mi devas pardonpeti pro denseco de la paĝoj - necesa, se tiuj kvar paĝoj aperu kiel unuo kiun oni povu elpreni, se oni preferas.

Dum la somero la redaktoro (kun familio) renkontiĝis kun la kasisto (kun familio) en la hejmo ruliĝanta de la redaktoro, kaj la hejmo permanenta de la kasisto.
Estis agrabla, plezura renkontiĝo kiu firmigas en ni la scion pri komuna celo kaj rimedo.

El Ĉeĥoslovakujo venis al red. bela pinglo kun SEL-insigno kaj la redaktoro kun fiero portas ĝin.
Eble oni povus peti alsendon de tiaj kaj tiel ebligi al amikoj tie daŭre esti membroj kaj ricevi nian gazeton?

Kaj nun pri s-ro Dobbs.

Unue venis informo pri provizora NR por Irlando.

Poste venis nova informo - sen la "provizora"

Fine venis la informo pri lia kunagado en Essex.

Ni do havas novan kaj aktivan Nacian Reprezentanton en Irlando (Eire):
S-ro Frank Dobbs,
8 Ailesbury Grove,
Dublin 4.

BONVENON!

Hans Amund

# 7th Essex International Jamboree

La Internacia Ĵamboreo de Essex en ĉiu kvara jaro ĉe la kampadejo "Belchamps" apud Southend, Essex, Britujo. En 1968 la organizanto, skoltkomisiito Tom Parrinder OBE,, havis la ideon enkonduki la uzadon de la Internacia Lingvo. Multaj britaj skoltoj kaj estroj eklernis la lingvon antaŭ la ĵamboreo, kaj la dokumentaron oni preparis ankaŭ en Esperanto.

Du reprezentantoj de SEL kunlaboris kaj ekinstruis Esperanton al skoltoj en multaj diversaj landoj, kvankam mankis, je tiu epoko, taŭga internacia lernolibro por skoltoj. En la ĉiutaga ĵamborea ĵurnalo aperis raportoj en kaj pri Esperanto.

En 1972 denove okazis la Internacia Ĵamboreo en Essex, kun la ĉeesto de 2300 skoltoj el 23 landoj. Oni uzis la francan kaj germanan por la dokumentaro kaj la ceremonioj. Ĉi tiuj lastaj fariĝis tedaj pro la neceso ĉion traduki dufoje, kaj tiun tedecon oni povus vere forigi nur per la uzado de unusola oficiala lingvo. Ŝajne la angla ne sufiĉis por tiu celo, alia oni ne estus uzinta ankaŭ la du aliajn lingvojn.




La SEL-reprezentanto de la Irlanda Respubliko (Eire), Frank Dobbs, kaj tiu de la Sudorienta Britujo, Raif Markarian, kun s-ino Kimie Markarian, oficiale ĉeestis por deĵori ĉe la Esperanto Servo-Centro.

La redaktoro de la ĵurnalo plene raportis en diversaj lingvoj pri la agado de la Servo-Centro. Ĝi ĝuis tre bonan, centran pozicion apud la oficiala Informejo. La Prezidanto de la Brita Esperanto-Asocio, S-ro G.Leon-Smith kun edzino, inter aliaj esperantistoj vizitis la Centron la 2.an de Aŭgusto.

Oni ĉiutage gvidis kaj novajn kaj daŭrigajn klasojn de Esperanto, kaj entute 42 skoltoj kaj skoltestroj ekstudis la lingvon. Unu germana kaj unu angla skoltoj entute trastudis "Ĵamborean Lingvon", la lernolibron kiu fariĝis tre populara. Kiel premion ili ricevis la longdaŭran diskon, kiun registris s-ro Hammer por akompani la kurslibron.

Por la unua fojo oni estis akirinta broŝurojn pri Esperanto kaj SEL en la lingvoj de la partoprenantaj skoltoj. Ili havis bonegan efikon, kaj rapide elĉerpiĝis. Post tio la deĵorantoj notis la nomojn kaj adresojn de la informpetantoj kaj promesis sendigi informojn al ili. Abunda stoko da libroj, diskoj kaj insignoj rapide disvendiĝis.

SEL volonte kunlaboros denove dum la 8-a Essexa Ĵamboreo 1976

Se eble tiu aranĝo fariĝu centro por SEL agado en okcidenta Eŭropo.

Raif Markarian

MALLONGAJ NOTOJ:

En skoltaj estraro de Nederlando kaj de Aŭstrujo oni denove diskutos la neceson de aktiva subteno por Esperanto flanke de la skolta movado.
Tio estas unu el la rezultoj de la aktiv eco dum EuroScout 7 en Rotterdam.
La bonaj rezultoj ti povis okazi nur ĉa aliaj SEL-anoj en la antaŭaj jaroj aktivi ekz. en Essex 68 ka en skoltestra kunven en Belgujo, Herfst male 71.
La semoj, kiujn on tiam disĵetis, nu ekĝermis!

St. Leŝinger dezira havigi al sia kolekt de LSM la n-rojn 2 kaj 26 (42-43) el la jaro 1960. Kiu pova sendi, skribu al li

St. Leŝinger,
M. Cibulkove 34,
Praha 4 Pankrac
Ĉeĥoslovakujo.

Kara amiko!

Ĉi tiel komenciĝas la plej grava kaj efektiva propagandilo de nia movado: la letero.

Jen nova peto - jes, pli ol peto:

"Mi estas skoltestro de la 1.st Hora Hora trupo. Kelkaj skoltoj de nia grupo esperas vojaĝi al Norvegujo en 1975, por partopreni en la XIV- a mondĵamboreo. Ili jam komencas la planadon kaj gajnadon de mono, ĉar la kosto estos granda.
Ili ankaŭ komencis aliajn preparojn, ili komencis lerni Esperanton sub mia gvidado.
Skolto el nia trupo partoprenis en Japanujo, sed li plendis poste, le li renkontis preskaŭ neniun kiu parolas Esperanton.
Por eviti tion en Norvegujo, mi elpensis ideon.
Mi proponis, ke la skoltoj trovu korespondamikojn el aliaj landoj, kiuj ankaŭ intencas partopreni en la ĵamboreo. Tiel ili povos gajni insignojn pri internacia amikeco, kaj oni povus garantii, ke ili povos uzi Esperanton en la ĵamboreo.
Estas ĉi tie 8 skoltoj kiuj studas Esp.

Dennis B. Pease,
Flat 2, 8 Dent St.
Whangarei, Nov-Zelando."

JEN:

Tiuj 8 deziras korespondon. Ilia deziro estas anoncata en la norvega "Speideren", sed ankaŭ el aliaj landoj leteroj estas bonvenaj!

KAJ:

Se pluraj petus ĉe "Speideren" similan korespondon de norvegaj skoltoj, indikante, ke la interŝanĝo estu en Esperanto, tio signifus, eble, gravan antaŭenpuŝo en Norvegujo.
Kaj, speciale, valora aldono al la penoj en kombino de la Mond-Ĵamboreo.




ALIA BONA ŜANCO

En la du unuaj semajnoj de Julio 1973 okazos en BREGENZ, Aŭstrujo, skolta esperanto-kunveno en montara kabano!

Estas loko por 15 - 20 knaboj minimume 16 jaraj kaj scipovas la enhavon de Ĵamborea Lingvo. Krom pluraj aktivecoj ankaŭ perfektigaj lingvaj ekzercoj estas donotaj. Gvidanto: SEL-ano el Bregenz, Franz Schwörzler. Kostoj por loĝado kaj manĝoj estos ĉ. ned.gld. 6.- potage. En venonta LSM venos pliaj informoj - sed jam nun pripensu - rezervu la semajnon kaj vin anoncu al ĝen.sekr.

Eble ekzistos eblecoj por knabinoj, se ili loĝos en apuda vilaĝo. Se pli multaj skoltoj sin anoncos, ni povos starigi tendon por dormi tie.

FRAM estas norvega vorto por ANTAŬEN.




La mondo estas plena je mirakloj, kaj multaj homoj provas kompreni ilin.
Lernado tamen ne estas tiel interesa, kiel mem fari eksperimentojn por eltrovi la solvon.
Por eksperimentoj tamen multekostaj aparatoj ofte estas necesaj.
En la serio 'Skolta Scienco' mi klopodos doni informojn kaj priskribi eksperimentojn, kiuj estas fareblaj per 'aparatoj' kaj iloj, kiuj estas malmultekostaj, aŭ estas troveblaj en ĉiu domo.
Por alsendo de komentoj, demandoj, kaj certe ankaŭ ideoj, al la adreso de la redaktoro, mi estus tre danka.

Verda Pego.

KOLOROJ. — La 'blanka' Lumo de la Suno.

Ofte simplaj aferoj povas esti tre malsimplaj.
Jen: La blanka lumo de la suno. Tio ja estas la plej simpla afero en la mondo, ĉu ne?
Tamen ĝi konsistas el multaj koloroj. Kaj vi eĉ povas "rompi" la blankecon. Faru la unuan eksperimenton!

Eksperimento 1. — La koloroj de la spektro.

Se la diversaj koloroj de la sunlumo iras tra ia travidebla materio kiel vitro aŭ akvo, ili iras flanken. Sed ĉar la diversaj koloroj iras flanken en diversaj mezuroj, vi ricevas bildon, en kiu ili estas unu apud la alia.
Oni faras tion ĝenerale per triangula peco de vitro: prismo.
Sed vi povas fari tion per vitra poto kun akvo.

Prenu kartonon kun fendo de $\frac{1}{2}$ cm larĝeco. Metu tion inter la poto kaj la suno. La lumradio, kiu iras tra la fendo, havos la kolorojn de la "spektro": ruĝo, oranĝo, flavo, verdo, bluo, violbluo.

La eksperimento pli bone sukcesas se la lumradioj iras horizontale. Do faru ĝin en la mateno aŭ malfrue posttagmeze. Ju pli mallarĝa la fendo estas, des pli bone la lumo dividiĝas. Sed des pli malfortaj la koloroj estas.

Eksperimento 2. — Adicii kolorojn.

Faru diskon el kartono, kaj per strekoj dividu ĝin en ses partojn. Donu al tiuj brilajn kolorojn, ĉiu parto havu unu el la koloroj de la spektro.
Se vi metas bastoneton tra la centro de la disko, vi povos rapide turnigi ĝin.
Nun la disko aspektas blanka.

(Se la koloro ne estas tute blanka, unu el la partoj estas tro granda, aŭ unu el la koloroj estas tro 'forta'.)

Eksperimento 3. — Subtrahi kolorojn.

Ĉiuj koloroj kune donas: blanko.

Neniu koloro: Tio estas precize la malo: nigro.

Se vi havas pecon de kolorita vitro, ekzemple ruĝa, nur la ruĝo iras tra la vitro. La aliaj koloroj estas "kaptitaj" en la vitro. Vi do "subtrahis" la aliajn kolorojn el la blanko.
Se ni nun havas ankoraŭ alian pecon de vitro, kun alia koloro, tiu peco deprenos aliajn kolorojn.
La du pecoj kune do "kaptas" ĉiujn kolorojn, kaj aspektas nigra.

Ekzemple: unu peco: ruĝa

nur la ruĝa koloro trairas.
dua peco: verda
tiu do kaptas ĉiujn kolorojn krom la verdo. Ĝi ankaŭ kaptas la ruĝan koloron: tra ambaŭ vitroj kune nenio trapasas!

Eksperimento 4. <u>Miksi kolorojn.</u>

Certe vi jam ofte faris tion, kiam vi faris desegnaĵon aŭ pentraĵon.
Kiam vi miksas ruĝon kaj flavon, la rezulto estas oranĝo.
flavo + bluo = verdo          bluo + ruĝo = violbluo
Kial ia objekto aspektas ruĝa?

Ĉar ĝi 'kaptas' ĉiujn kolorojn, krom la ruĝa. La ruĝan koloron ĝi rebrilas al vi.
En la sama maniero la flava koloro rebrilas al vi la flavon, kaj 'kaptas' la aliajn.
La du koloroj ruĝo kaj flavo kune aspektas por vi oranĝa. Sed ĉar ĉiu el ili ankaŭ kaptis parton de la lumo, ili kune ankaŭ donos al vi iom da nigro. Tial miksitaj koloroj ĉiam estas iomete pli malhelaj ol puraj koloroj.

Eksperimento 5. <u>Kio ne ekzistas, ne povas rebrili.</u>

Kiel mi jam klarigis, verda objekto nur povas rebrili la verdan koloron, kaj 'kaptas' la aliajn kolorojn.
Se ni nun havas lumon de nur unu koloro, ni povas fari interesan eksperimenton.
Varmaj metaloj ne donas blankan koloron. Ekzemple la metalo natrio donas nur flavan koloron. Natrio estas unu el la materialoj el kiu salo konsistas.
Metu sur teleron monteton de ordinara salo. Malsekigu ĝin per alkoholo, kaj bruligu la alkoholon. Nun vi havos flamon, kiu estas pure flava.
Se vi faras tion en ĉambro, kie ne estas alia lumo, nur tiu flava lumo de natrio akzistas. Kaj ĉar verda objekto nur povas rebrili la verdan koloron, ĝi do aspektas nigra, ĉar tute ne estas verda lumo en la ĉambro. Kaj ĉar blua objekto nur povas rebrili la bluon, ankaŭ ĝi aspektas nigra, k.t.p.
Nur flavaj objektoj rebrilos la flavan koloron.... almenaŭ se ili havos la saman flavan koloron kian havas natrio.

Eksperimento 6. <u>Malaj koloroj.</u>

La malo de blanko estas nigra. Tio estas simpla!
Sed ĉiuj koloroj havas malajn kolorojn: Komplementajn kolorojn.
Ili estas je la kontraŭa flanko de la kolordisko el eksp. 2.

Prenu pecon de tre blanka papero. Faru sur ĝi signon en forta verda koloro. Eksidu en forta lumo, ekzemple en la sunbrilo, kaj dum kelkaj minutoj fikse rigardu unu punkton de la verda figuro.
Post tio, rigardu al malluma angulo de la ĉambro.
Post tempeto vi vidos: la saman figuron, ŝvebantan en la aero, sed nun ĝi estas ruĝa!
Viaj okuloj ja estis lacaj de la rigardado al la verda objekto. Tial ili nun donas al vi 'postbildon' en aliaj koloroj: Vi tial vidas precize la koloron, kiu estas kontraŭ la verda koloro en la kolordisko de la dua eksperimento.
Ni nomas ĝin la komplementa koloro.
Kiel aspektas la blanka fono de via figuro? Jes, ĝi estas nigra!
Kontrolu ankaŭ kun aliaj koloroj.
- - - -
Ĉu vi iam rigardis la negativojn, per kiuj oni faras la koloritajn fotojn? Ili havas la komplementajn kolorojn de la originalaj.
Klopodu akiri kolor-foton kun ĝia negativo, kaj kontrolu!


eksp. 1.
spektro


eksp 2.


ru.
or
fl
ve
bl
vi


ruĝa
nur ruĝa!
verda
nur verda


ruĝa
flava
oranĝa
eksp. 4


ruĝa
verda
nenio trairas!
eksp. 3.


alkoholo
salo
unukolora lumo!
eksp. 5


oleo
Ringoj de Newton
eksp. 7


eksp. 8.
A
C
B
lumo
eksp.
artefarita ĉielarko.
42°

Eksperimento 7. La Ringoj de Newton.

Kolorkaptileto - interesa, sed ĝena afero!

Pluvis, la vojo estas malseka. Sub aŭtomobilo gutoj da oleo falis sur la vojon. Kiam ni rigardas ilin, ili havas tre belajn kolorojn!
Kiel tio povas okazi?
Tio estas iom malfacila afero!
La koloroj ekzistas, ĉar la elektronoj moviĝas kiel ondoj sur la maro: supren kaj malsupren, kaj samtempe ankaŭ dekstren kaj maldekstren.
La lumo de la suno rebrilas de la supro de la oleo-makulo.
Sed parto de la lumo trairas la oleon, kaj rebrilas de la fundo de la makulo.
la dua rebrilo devis vojaĝi iom pli longe, kaj tial ĝi iomete malfruas.
Kiam la unua rebrilo 'ordonoas' al la elektronoj movi dekstren, kaj la dua samtempe 'ordonas' movi maldekstren, nenio okazas, kaj ne plu ekzistas lumo. (vidu la bildon).
Tiel, depende de la dikeco de la oleo-makulo, la koloroj unu post unu malaperas, kaj nur la aliaj (la "komplementaj") restas.

Oni eĉ povas mezuri la dikecon de la oleo-tavolo.
La unua ruĝa rubando de ekstere havas dikecon de ĉirkaŭ 0.170 $\mu$, la dua ruĝa rubando ĉ 0.340 $\mu$., k.t.p. (pri $\mu$ vidu malsupre.)
La anglo Newton studis la aferon, tial la ringoj portas lian nomon

La samaj koloroj aperas ĉe aliaj maldikaj tavoloj.
Ĉu vi iam blovis vezikojn da sapo? Tiam vi ankaŭ vidis ilin! Tre ĝenaj ili estas, kiam vi montras lumbildojn, kiuj estas en kadroj kun vitro.
Tial multaj homoj pli ŝatas kadroj sen vitro. sed kun tiaj, viaj lumbildoj pli facile difektiĝas.

Nun pristudu tiajn kolorojn sur malseka pavimo, kaj faru diagramon de la dikeco de la makulo.

Eksperimento 8. La Ĉielarko.

Vi jam scias per eksp. 1, ke la koloroj en akvo, vitro, aŭ alia materialo, flankeniras en malsamaj direktoj. Tiel ili ankaŭ rebrilas en diversaj direktoj en guto de akvo.
Kiam ili rebrilas en gutoj de pluvo, vi vidas ĉielarkon.
Kontrolu, ke ili rebrilas: vi nur vidas ĉielarkon dum la suno estas malantaŭ via dorso!
La rebrilo faras angulon de ĉ 42 gradusoj kun la originala radio.
Tial vi neniam vidas plenan cirklon, nur parton de ĝi. Vi povas fari artefaritan ĉielarkon per botelo en la formo de globo.
Faru truon en peco de dika, blanka papero, kaj sendu lumradion tra la truo al la botelo. Sur la papero vi nun vidas tre malfortan bildon de la ĉielarko. Kiu koloro estas ekstere? Kiu interne?
Kiom granda estas la angulo inter la radio c kaj la rebrilo ĉe a aŭ b?
Metu fingron ie en la radio. Kiel en la arko aperas la ombro?

Vortaro.

Spektro - vico de koloroj, kiu aperas kiam lumo dispeciĝas.
Absorbi - engluti, malaperigi, en eksp. 3 "kapti"
Interfero - kunlaboro aŭ kontraŭlaboro de du aŭ pliaj ondoj. Vidu eksp. 7.
Monokroma lumo - lumo de unu koloro. Vidu eksp. 5.
Muo - mezuro de o.ool milimetro. Simbolo estas la greka litero m = $\mu$ , kiu nomiĝas 'mu'. Alia nomo: Mikrono.
Anstromo - dekono de mili-mikrono, do dekmilona mikrono. Simbolo Å.
1 milimetro = 1000 $\mu$ = 10.000.000 Å.



La Sporta Lingvo en Esperanto. De Tibor Ujlaky-Nagy

Ni ricevis tiun ĉi tricent-paĝan libron- multobligitan, kaj pensis "Jen tasko por sporteksperto. La propra ideo pri sporto estas nur tedo - dum la resto de la familio rigadas olimpikajn programojn en la televido, ni mem elektas iun libron, kiu povas kapti la intereson tiagrade, ke la sono de la televida aparato ne ĝenas. Tial ni ne povas - kiel la verkinto petas - fari kritikojn pri lingvo - t.e. la terminologio -, kaj ni iom surpriziĝis esti inter la 500 kiuj ricevis la libron: "limita nombro de fakuloj"!!

Sed en libera horo ni tamen prenis la libron. Legis pri "Remo". Jen informoj pri tiu sporto, verŝajne jam tute familiaraj al la fakuloj sed tute novaj al ni. Interesaj. Kial ne legi pri alia sporto, la Manpilkado? Denove - se ni entute povu kun ioma intereso rigardi la televido-programojn, la libro ja estas ne-malhavebla!
Tria sporta branĉo povus interesi - la angla KRIKEDO. Sed ĝi mankis. Eble ĉar ĝi ne apartenas al la olimpika programo, ni ne scias.

Do, kara Ujlaky-Nagy, kvankam vi maltrafis fakulon, kaj ni neniom povas helpi per konstrua kritiko, eble povas esti al vi kuraĝige scii, ke via libro potencis fari kion nenio pli frue povis: Krei en ni ioman, ĝermantan intereson por la sportoj; kaj eble tiu povo - per informado pri reguloj ktp- estas same grava kiel kreado de sporta terminaro. Dankon!

Haro.

(La libron eldonis Hungara Esperanto-Asocio, Budapest VIII., Kenyermező, Hungarujo, kaj la adreso de la verkinto estas: Budapest 112, poste restante.





La 22an de novembro 1971 forpasis skfr. Jan Filip, la konata ĉeĥa esperantisto, aŭtoro de la grandaj Esp.-ĉeĥa kaj ĉeĥa-Esp. vortaroj, kiuj laŭ amplekso ne estas superigitaj. Kvankam nur nun, ni volas honorigi lian rememoron, pro lia helpo esperantig[i] la junularon. Li redaktis kursojn en junulara gazeto VPRED kaj en 1968/69 en la skoltgazeto SKAUT JUNAK. Por la jubilea jaro 1968 li verkis al ni belan versaĵon, pri SEL.

Atalafa.



Tien.



Supre estas du tre konataj skolt[aj] simboloj, kiujn vi komprenebl[e] tuj komprenas.
Se vi vidas ilin - unu aŭ ambaŭ dum viaj skoltaj ekskursoj, v[i] nepre ne koleriĝos. Vi ankaŭ n[e] pensas: Jen aĉa malpermeso. Ne mi volas mem elekti la vojon. V[i] tute kontraŭe komprenas, ke vi por veni al la celo, devas sekv[i] tiujn ĉi signalojn, kiuj montra[s] la vojon al vi.

Ankaŭ en la spirita vivo vi devu fari la samon. Kiam vi venas a[l] la krucosigno, al unu el la ordo[noj], kiuj diras "Ne!", vi deva[s] tuj kompreni, ke tio estas help[o] al vi. Se vi misiras, vi perda[s] la vojon, kaj ne venos al la cel[o] sen reiri, por retrovi la vojon

Kaj kiam vi venos al la montril[o] kaj alia vojo ŝajnas al vi pl[i] bona, vi ree konsciu, ke la voj[o] indikita gvidas al la celo, ne l[a] alia.

Kristano trovas la signojn en l[a] Biblio. Tiuj signoj estas help[o] dum la vivo, donitaj de Li, ki[u] scias la vojon tra vivo kaj tr[a] morto, la vojon al eterneco.

Ni ne povas neglekti ilin, se perdi la vojon, por poste sencel[e] vagi, senespere - ĝis ni eble re trovas la vojon.

# Kiel Premi Plantojn

Geir Sverre Braŭt

Vi povas fari plantopremilon el du dikaj bretoj (1 cm dikaj). La mezurojn vi trovas sur la desegnaĵo dekstr

Anstataŭ boltoj kaj boltingoj vi povas uzi du rimenojn, kiujn vi streĉas forte.

Ne estas necese meti librojn aŭ similon sur la premilo.

Vi devas pentri aŭ laki la bretojn, ĉar alie ili kurbiĝas.

Kiam vi trovas planton unue provu trovi ĝian Poste fiksu paperon al ĝi. Sur la papero vi skribu numeron. En libro skribu la saman numeron kaj sekvantajn inforomojn pri la planto:




NORMALTIPO DE HERBARIO-FOLIO KUN MONTITA PLANTO.

1. La nomo de la planto.
2. Trovloko
3. Dato.
4. Detaloj pri la trovloko Ekz-e la alteco super la marnivelo, kiujn aliajn plantojn vi trovas tie, pri la tero (gruza aŭ huma, seka aŭ malseka) Se la planto vivas sur altaĵo, indiku ĉu ĝi vivas sur suda, okcidenta, norda aŭ orienta deklivo. Plantoj sur suda deklivo ricevas pli da sunbrilo ol plantoj sur norda deklivo (sur la norda hemisfero).




Metu la planton en premtukon. Tiun vi metu en la premilon.

Inter la premtukojn metu gazetpaperon.

La gazetpaperon vi devas ŝanĝi 4-6 fojojn en la unua semajno. En la dua semajno sufiĉas ŝanĝi 3-4 fojojn.

Neniam ŝanĝu la premtukojn.

La plantoj devas kuŝi en la premilo du semajnojn.

Poste vi aranĝu la plantojn sur papero.

Uzu normaltipan paperon.

La maldekstra desegnaĵo montras la muntitan planton. Vi devas munti la planton sammaniere, kiel vi premis ĝin.

Se vi ne povas meti la tutan planton sur la papero, vi povas kurbigi ĝin en "N"-fasonon.

Por fiksi la planton uzu paperan glubendon aŭ plastan, sed neniam celulozan, ĉar ĝi viskoziĝas post kelkaj jaroj.

Ankaŭ ne uzu kontaktplaston, ĉar ĝi malebligas postan esploron de la planto, ekz.e kalkuladon de la nombro de stamenoj.

Geir Sverre Braŭt

La aŭtoro estas juna nun aktiva skolto kiu i.a. iniciatis kaj forte kunlaboris dum la ekspozicio dum la norvega landa ĵamboreo nunjara.




NACIAJ REPREZENTANTOJ:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | S-ro S.H. Milligan, 274 Mont Albert Rd., Surrey Hills, 3127 Victoria. Telefono WF 7948. |
| Belgujo: | S-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, B-2060 Merksem-Antwerpen. Poŝtĉekk 9978.93. Tel (03)4524.76<br>S-ro L.J. van Gulck: telefono (03)3688.08<br>Poŝtkonto Belga Skolta Esp.-Sekretariato 327460. |
| Brazilio: | S-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tamandare 979, Belem, Para. |
| Britujo: | S-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Str., Oldham, Lancs. |
| Danlando: | S-ro Asger Petersen, Blistrupsvej 8, DK-2610 Rødovre. Telefono 707157. |
| Finnlando: | S-ro Seppo Tella, 9 kp, SF-55950 Imatra 95. Telefono 954-51130. |
| Francujo: | Monsinjoro Patrick Truchemotte, 76 Rue Lombard, Bordeaux |
| Hispanujo: | S-ro Pedro Marqueta, Fern el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Telefono 252044 |
| Irlando: | S-ro Frank Dobbs, 8 Ailesbury Grove, Dublin 4 |
| Italujo: | Prof. Franco Tulone, Via Frangipene 8, I-92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198. |
| Japanujo: | S-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | S-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont.<br>Helpa N.R: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Que |
| Nederlando: | S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam. Telefono (02980) 66931. Poŝtkonto 632246. |
| Norvegujo: | S-ro H.A. Rosbach, Nergt 37c, N-6500 Kristiansund N. Tel.: (073) 77620. Poŝtkonto 8030413 |
| Portugalujo: | S-ro Jaime de Matos Correia, Lote Q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4. |
| Zairo: | S-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, B.P. 198, Limete, Kinshasa. |

Informoj pri membreco:

En landoj kun Nacia Sekcio: Informiĝu ĉe la N.R., kaj pagu al li la landan kotizon.

Individuaj membroj (Nur en landoj sen N.R.!):

Kotizo inkl abono de LSM por junuloj ĝis 18 jaraj: Nederlandaj guldenoj 3.30 aŭ egalvaloro.

Pli-aĝuloj: Ned. guldenoj 5.00 aŭ egalvaloro.

Subtenantoj: Minimume Ned. guldenoj 5.00 aŭ egalvaloro.

Oni pagu al la kasisto, aŭ se necese al la sekretario.

Bonvolu pagi la kotizon antaŭ la unua de aprilo.




REPUBLIQUE DU DAHOMEY




SEMINAIRE INTERNATIONAL DU SCOUTISME MONDIAL

COTONOU. - MARS 1972

18,938

Ankaŭ la tria numero de World Scouting 1972 enhavas artikolon kaj bildojn pri skoltaj poŝtmarkoj - interesa por niaj filatelistoj.





# LA SKOLTA MONDO

Limtempo por manuskriptoj kaj anoncoj: 1-a de Februaro, Majo, Aŭgusto kaj de Novembro.

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND